FONDITA en 1908 - TRIA SERIO

35a Jaro - N° 244 - Aprilo-Majo 1967

# REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO

# FRANCA ESPERANTISTO

34, Rue de Chabrol. Paris X<sup></sup>e — Métro : Gare de l'Est ou Poissonnière — Tél. : PRO. 55-03.

## VORTOJ DE LA PREZIDANTO

Nia 6-a Paska Kultura Semajno bone sukcesis en Kastelo Grésillon. Mi dankas S-rojn BLANC kaj TURIN kiuj helpis min dum kvin jaroj por la organizado de niaj paskaj staĝoj.

Tiun-ĉi jaron respondecis diligente S-ro BOYET, Direktoro de la Seminario en Angers, kaj la instruada Fako de UFE: G.E.E.

Ni devas trovi financan solvon por organizi la 7-an Kulturan Semajnon 1968; estos unu el la laboroj de nia Nacia Kongreso en Calais. Kaj pri tiu Nacia Kongreso (12-15 de majo 1967), ĉu vi jam sendis vian aliĝilon al 59-a Nacia Kongreso de Esperanto,178 Chemin Castre-62-Calais? Se ne, faru tuj!

Malgraŭ la klopodoj de nia ŝindonema vic-prezidanto, S-ro ROUGETET, ni ne sukcesis havi la agnoskon pri Publika Utileco. La Ministro pri Internaj Aferoj respondis, ke nia membraro (1500) ne estas sufiĉe ampleksa, sed li aldonis: "se dum la venontaj jaroj U.F.E. sukcesos gajni novajn membrojn, mi ne forgesos rekonsideri la peton kun la plej granda atento".
Ĉu vi bone legis? Do, ni devas varbi senĉese por ke ni atingu almenaŭ 3000 membrojn.

Ĉu vi skribis al viaj deputitoj? En mia departemento (P.O.) S-roj ALDUY kaj TOURNE respondis tre favore, kaj estas pretaj apogi leĝ-projekton por la instruado de Esperanto en la lernejoj.

René LLECH - WALTER

# FRANCA ESPERANTISTO
## REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO

**SECRETARIAT : Mlle Y. PAULIER** - Le secrétariat est ouvert tous les jours de 9 h à 12h et de 14 h à 18 h.( sauf dimanches et mardis ). Pour toute réponse, joindre un timbre ou une enveloppe timbrée à votre adresse. Pour tout envoi d'argent précisez soigneusement la destination des sommes envoyées sur le talon du mandat.

**REDACTION : M. André RIBOT,** 11, rue Paul Vergne - (47) MARMANDE - Tél. : 730

Tous les articles et communiqués ne peuvent être insérés qu'aux conditions suivantes : **être toujours dactylographiés** sur un seul côté de la feuille, avec une marge pour faciliter la lecture et la correction ( double interligne ). **Tous les articles ne se conformant pas à ces conditions seront refusés par la rédaction.**

**COTISATIONS :** Le détail en a paru dans le précédent numéro.

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

## CONSEIL DU MOIS

Ce mois-ci encore, nous voudrions insister sur le même problème que le mois dernier (n°243). Il s'agit,vous l'avez deviné,de trouver des abonnés nouveaux, d'augmenter le nombre des numéros imprimés de la revue, d'ouvrir de nouvelles rubriques et enfin de servir encore davantage la cause de la Langue Internationale.

Il faudrait, en effet, créer de nouvelles rubriques (UNESKO-NOVAĴOJ, PREZENTADO DE LIBROJ, ktp), mais la place nous est parfois si mesurée que la mise en page d'un numéro est toujours un problème délicat.

N'est-il pas facile de trouver 80 abonnés de plus?Ce qui serait formidable, ce serait de dépasser la mesure et d'en trouver 160, et du même coup obtenir 2 numéros de plus!

Certes, en mai, on pense plutôt à organiser ses vacances, et à partir loin, très loin;mais avant de partir essayons de trouver un ou deux abonnés de plus! Vos vacances en seront bien meilleures, car vous aurez la satisfaction de penser que, grâce à vous, notre REVUE NATIONALE sera plus apte à jouer son rôle, et sera plus appréciée.

André RIBOT

## SOMMAIRE - ENHAVO

59ème CONGRES NATIONAL D'ESPERANTO
-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-
(5a Markola Kongreso)
CALAIS - 12/15 Mai 1967
-o-o-o-o-

Listo de la partoprenontoj:
I-2 LLECH.WALTER 3-4 ROUSSEAU 5.BOURDEAUX 6.THIERRY 7.GUILLAUME 8.LAVALLEE 9.VALLUET IO.JOSSINET II-I2 JOSEPH I3-14 LEGROS 15-16 CONTART I7-18 BERNARD I9 VINCENT 20 ODENT 2I-22 BUERICK 23-25 MERLEN 26 POULAIN 27/8 MESPLEDE 29 VERBEKE 30 GAUDRY 3I CLAUDE 32-33 C.MARTIN 34 PIERRU 35/6 GIBEZ 37 LABATUT 38 ROYER 39/4I GILOTEAUX 42 HORNE 43/45 WATSON (Norwich 46 SOUM 47/48 COURTOIS 49 BOYARD 50 5I HAWKER (Folkestone) 52 DELSALLE 53/54 DEBANDE 55 JURY (Enfield) 56 blunden (Londres) 57 WOOD (Doncaster 58 PLATH (Londres) 59-60 LECLERCQ 61 MAUCHIEN 62 NELS 63-66 DESPINEY 67 RUET 68 SUAIN 69 THOS 70 COYDON 71 BORDESOULE 72 ATKINSON (Londres) 73 LETERME 74 ALBAULT 75 PHILIPPE 76/77 DITACROUTE 78 LLOYD (Cardiff) 79 RIBOT 8081 BONVOISIN 82-83 DUCROCA 84 DELIGNY 85 BIGOURD 86 SERGEANT.
(je la dato 18 de aprilo 1967).

HONORAJ ALIĜOJ: 1.Groupe espérantiste de Bordeaux; 2. S-ro E. THIOLLIERE (St-Etienne) - 3. S-ro P. MARLY (Bordeaux); 4. F-ino CHAUMEREUIL (Marly-le-Roi).



52a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO
====================================
T E L - A V I V - 2/9 VIII 1967
-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-

Oficiala komuniko n°5
---------------------

Vizo: La Ministerio pri Internaj Aferoj de Israelo informis ke la partoprenontoj en la 52-a U.K ricevos senpage la enirvizon por Israelo. Tiu vizo estas petenda ne pli frue ol 3 monatoj antaŭ la komenciĝo de la kongreso (2/5).

Dua Bulteno: Depost la fino de februaro ĉiu aliĝinto ricevis la oficialan duan bultenon en kiu troviĝas la mendiloj por loĝado, ekskursoj, bankedo, ktp...La L.K.K. plenumos la mendojn nur se ili estas faritaj pere de la mendiloj troviĝantaj en tiu dua bulteno.

Loĝado: L.K.K. povis akcepti mendojn pri loĝado nur ĝis la 1-a de majo, kaj post tiu dato ĝi ne povos certigi loĝadon.

Foto-konkurson: La konkursaĵoj por tiu konkurso devas atingi antaŭ la 1-a de Julio 1967 la jenan adreson: 52-a U.K. de ESPERANTO - P.O.B. I289 TEL-AVIV. La ĉi-jara temo estas:
"Moderna arkitekturo"
(en ligo kun la Jaro de Internacia Turismo)

Statistiko: Entute 655 personoj el 32 landoj je la 15-2-1967. Inter ili estas jam 104 francoj.

# RECENZOJ

MARTIN FIERRO - Argentina eposo de
============= José HERNANDEZ, rimversa traduko de Ernesto SONNENFELD- serio Oriento-Okcidento n°5 - 289 p. J.REGULO-PEREZ, eldonisto, La Laguna - 1965 - bindita. Prezo: 19 Fr.

Kun "MARTIN FIERRO", Stafeto alportas al ni, Esperantistoj, ĉefan klasikaĵon de Latinameriko, similan al la hispana Don Kiĥoto, al la franca "Chanson de Roland", al la itala Dia Komedio, al la rusa Eŭgeno Onegin, al la finna Kalevala, ktp...

Tiu grava eposo de la argentinoj, finfine aperas en la internacia lingvo per tre zorge farita traduko de la mondfama esperantisto SONNENFELD, kies giganta laboro rezultigis tiun gravan verkon en Esperanto.

"MARTIN FIERRO" estas gaŭĉo-kantisto, kiu rakontas al ni siajn proprajn heroagojn, kune kun multvalorajn informojn pri la gaŭĉa vivo. Li ribelas, vivas kun la indianoj, sed, ĉar "lia socia tipo troviĝas inter la civilizacio kaj la barbareco (..) en neniu el la du mondoj, li povas (feliĉe) vivi..."

En tiu riĉega verko, vi trovos hispanajn idiotismojn kaj proverbojn kaj ankaŭ teknikaĵojn diversajn aŭ pitoreskajn vivotranĉaĵojn.

Mi ne povas rezisti la plezuron partoprenigi vin legantojn, je oraj nuksoj el tiu eposo: Jen la ĝenerala mensostato de la gaŭĉo:

"Kaj el la akvoj serenaj,
ĉevalo trinkas glutglute,
dum oni eĉ manĝi tute
forgesas pro nostalgio,
ŝirita for tiel krude"
(p.119)

; ; ; ; ; ; ; ; ; ; ; ; ; ;

Estis tagoj plenokupaj,
la virinoj kruce-kroze
manĝprepari ekrapidis,
ĉiajn gastojn festinvitis.
Tiel do grandioze
gajis la gaŭĉar'ripoze. (p 37).

Ĉu vi deziras scii, kiel oni mastras ĉevalojn, vojaĝi bonkondiĉe tra la pampoj, elekti domon? La respondojn vi trovas en "Martin Fierro".

Jen kelkaj eroj el la riĉa hispana proverbaro trovebla en tiu verko:
"...se ĉio sen hast' vi faras,
"ĝi estas pli avantaĝa:
"bovino plej longremaĉa
"plej bonan lakton preparas".
(p.194)
" "...eĉ kun pied' jam en ingo
"vi povas perdi post svingo
"ĉevalon kaj resti tere".
(p. 33)

Pura poezio? Praktike ĉie: la Francoj diras " coucher à la belle étoile", Martin Fierro diras (p.32):
"Mi liton en herbon metas,
"kaj kovras min tukoj stelaj".

Ne! mi ne hezitas eĉ unu minuton pli: mi diros al vi: jen ankoraŭfoje libro nepre leginda, senfine legata, kies trezoroj estas tiel multaj kiel en pampo floroj kaj en ĉielo steloj.

Robert MARTIN
============

SEDIMENTOLOGIO, NOVA SCIENCO
============================

La "Revue Générale des Sciences", (SEDES eldonisto) aperigis en sia n° 5/6 de 1966, tradukon de Sinjoro P FILLIATRE, de artikolo far de S-ro MABESOONE, profesoro en la geologia lernejo de Recife (Brazilo) pri sedimentologio (kono kaj studo de sedimentoj), juna fako de geologio.

La artikolo montras, per du ekzemploj (Hispanujo: baseno de Duro;

Portugalujo: Santa Clara) la oportunecon de la sedimentologiaj metodoj, por determini aù la kondiĉojn de formado aù la aĝon de la studitaj terenoj, kiam la aliaj metodoj fiaskis.

La originala artikolo aperis en Scienca Revuo, vol.n°14-1-2 (53.54). Specimeno de traduko havebla kontraù poŝtmarko de 0,20 Fr., ĉe ISAE-delegito BROISE, La Madeleine, 27 NONANCOURT.

F.FAULHABER - NE TIEL, SED TIEL ĈI!: Konsilaro pri stilo - Dansk Esperanto Forlag - ĉe U.F.E. 5,50 Fr.

Jam de longe, oni sopiris al tia libreto, kiu donas simplajn indikojn pri la karakteriza frazeologio de la Lingvo Internacia. Krom "La Fundamenta Krestomatio", "Esprimo de Sentoj" de PRIVAT, la "Plena Gramatiko" de K.Kalocsay kaj G. Waringhien, kaj "Retoriko" de I. Lapenna, mankis ia praktika konsilaro pri la tradicia uzado rilate al vort- kaj frazkonstruoj kaj al t.n. "spirito de la lingvo".

Lerni per eraroj! La konsiloj de la aùtoro rezultas el multjara spertado: ne tiel, sed tiel ĉi - serio de ekzemploj, kies korektoj kaj komentoj ilustras la kvalitojn de bona stilo.

Estas malfacile verki tian libron sen enŝoviĝo de personaj opinioj:pri gustoj kaj koloroj... Kaj tial, tie kaj tie ĉi iuj punktoj restas iom diskutindaj. Ekzemple, pri la evitinda kolizio de sonoj: ĉu lingvuzo aù lingvouzo? Pri la konsidero de nenecesaj neologismoj: "kial floto apud ŝiparo?" Ja, oni tiam povus demandi: kial rizufi apu malakcepti? aù kial ĵigo apud puzlo? Almenaù unu frazo de la "Enkonduko" estas nepre korektinda por la venontaj eldonoj: "la por kursgvidantoj en Nederlando tre konatan kaj de post tridek jaroj ankoraù ĉiam uzatan konsilanton...." Krome, du malĝustaĵoj: la uzo de ĝis kiam kaj tiu de ata (ĉu plumeraro?).

Oni ankoraù atendas ian profundan studon pri la stilistiko en esperanto; sed tamen, tiu ĉi libreto - kiel tiu de Privat pri la sentoj - estas studinda en la superaj kursoj, kiam la lernantoj povas jam diskuti la tiklajn punktojn.

Jean THIERRY

xoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxo

A V I Z O PRI K O T I Z O J

Por eviti komplikaĵon rilate al kotizoj, ĉiu membro estas petata KLARE PRECIZIGI la destinon de siaj kotizoj.

Ĉi rilate, ni memorigas la paragrafon 8 de la "Protocole d'Accord", inter U.F.E. kaj G.E.E.:

"Tous les enseignants adhérant à l'U.F.E. sont automatiquement membres du G.E.E. et vice-versa. Toutefois à titre transitoire, chacune des deux organisations signataires p o u r ra conserver ceux de ses membres actuels qui refuseraient expréssément d e faire partie de l' autre association

Ĉiuj membroj-instruistoj bonvolu precizigi sian decidon.

mnmnmnmnmnmnmnmnmnmnmnmnmnmnmnmnmnmn

NI GRATULAS

-:-:-:-:-:-

Okaze de la 68-a naskiĝtago de S-ino HAUDEBINE, esperantistoj en New-Delhi kunveniĝis la 19-an de februaro 1967. Post transdono de utilaj donacetoj al ŝi, ili estis regalitaj per bongustaĵoj. Dume estis diverstema babilado, diskutoj, ŝercoj, ktp...

Sanon, feliĉon kaj prosperon al "Nia Sinjorino de Esperanto".

(el Novaĵletero de la Hinda Instituto de Esperanto POB.604 New-Delhi).

## N I   F U N E B R A S
-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-

La 6-an de marto, mortis pro akcidento nia samideano Alfred KLEIN. Li estis hungardevena, loĝis en Vieno ĝis la dua mondmilito kaj poste formigris al Urugvajo.

Veninte en Francujo post la kongreso en Tokio, li intencis vojaĝi, ĉi jare al TEL-AVIV. Kelkaj semajnoj antaŭ sia morto, li parolis pri Israelo antaŭ la membroj de la Pariza Grupo, kiu konservos de li bonegan memoron.

La 20-an de Januaro mortis en Hago Inĝeniero I.J.R.ISBRUCKER, veterano kaj pioniro, estinta prezidanto de la Akademio de Esperanto, tre konata aŭtoro kaj tradukinto de pluraj Esperanto-libroj. Li estis la bopatro de nia ĝenerala sekretario, Jean Guillaume.

JULIO BAGHY FORPASIS!
---------------------

La 18-an de marto mortis en Budapeŝto unu el la plej sukcesaj originalaj verkistoj en Esperanto. Kun sia samlandano Kalocsay, li faris pli ol kiu ajn alia por krei konservindan originalan literaturon en Esperanto, kiun li parolis de sia 20-a jaro ĝis la morto 76-jara.

La originalaĵon de BAGHY (5 romanoj, 4 poemaroj, tri novelaroj, kaj diversaj aliaj volumoj) atingis tre grandan popularecon, kaj pluraj aperis krom en Esperanto, ankaŭ en diversaj nacilingvaj tradukoj. Liaj lernolibroj de Esp° por hungaroj atingis kune eldonkvanton de 40.000 ekz. La lasta poezia volumo "Cielarko" aperis nur kelkajn semajnojn antaŭ lia morto.

Al ilia familio, la Franca Movado sendas sian sinceran kondolencon.

## KIO ESTAS MONDCIVITANECO?
==========================

Multaj esperantistoj, sendube, ne scias tion, kaj ne estas informitaj pri la INTERNACIA REGISTRO DE LA MONDCIVITANOJ, kiu multigas siajn klopodojn por doni materian esprimrimedon al tiuj, kiuj konsideras sin kiel "Mondcivitanoj", kaj liveras legitimkarton en pluraj lingvoj, inter kiuj esperanto.

Konservante sian propran naciecon la registriĝantaj mondcivitanoj <u>konsentas</u>:

ke al teknika unuigado de la mondo kaj ĉiam kreskanta interdependeco de la ekonomiaj interesoj korespondas ekkonsciiĝo kaj rajteco por ĉiu homo esprimi sian suverenecon je tutmonda skalo,

ke la suverenaj ŝtatoj, konstitucie limigitaj al defendo de siaj propraj interesoj, estas ne kapablaj organizi defendon de bezonoj kaj interesoj fariĝintaj komunaj al ĉiuj homoj,

ke la interesoj kaj bezonoj komunaj al ĉiuj homoj devas esti antaŭece organizitaj, kaj defendataj, kaj ke nur monda aŭtoritato ŝuldante sian povon el la monda popolo povas efike fari tion,

<u>deklaras</u>

konsideri ĉiujn homojn kiel siajn sam-civitanojn, iuj ajn estu ilia raso, koloro, politika ideologio, religio, macieco,

<u>depostulas la rajton</u>

delegi parton de sia suvereneco al tutmonda estraro kaj elekti ĉenpere siajn reprezentantojn al tutmonda asembleo por organizi pacan mondon.

Ankaŭ vi povas ricevi la mondcivitanan legitimkarton en esperanto (prezo: 5 Fr.) skribante al S-ino R. VOLPELIERE 10 rue de la Survie - 30-Nîmes, kiu donos pluajn necesajn informojn. Tiu karto estas liverita, unu fojon por ĉiam, kaj povas esti anstataŭita nur en okazo de perdo.

Ŝajnas, ke ĉiu esperantisto devus esti mondcivitano.

# VIVA DE LA GRUPAJ !

LES ANDELYS - En februaro, la grupo akceptis 3 eksterlandanojn: S-ino Criach el Sabadell (H) F-ino Horie el Tokio kaj S-ro Stuit, el Nederlando, okaze de la renkontiĝo iniciatita de S-ro Delaire, el Orléans.

Dum la paskaj ferioj, 3 gejunuloj anoj de la grupo, restadis ĉe Ges-oj Criach en Sabadell dank'al vojaĝstipendio de la Zamenhofa Kultur-centro en Les Andelys.

BOURG-la-REINE - La grupo havis kunvenon la 19-an de la pasinta monato, dum kiu estis prezentitaj memoraĵoj pri ZAMENHOF okaze de la 50-a datreveno de lia morto kaj ankaŭ diapozitivoj kaj filmo pri Hungarujo de Ges-oj Bastong.

L Y O N - La 6an de aprilo okazis en kinejo "Le Duo", diskutado pri Esperanto post la prezentado de la filmo "Incubus".

La 17-an de aprilo, en kunligo kun la U.K. en Tel-Aviv, okazis prelego pri la ĉiutaga vivo en Israelo.

La federacia kongreso okazis, la 30-an de aprilo en Crest.

MULHOUSE - La kongreso de la orienta federacio okazis en tiu urbo la 30-an de aprilo.

NANCY - Kunvenoj okazas regule, la duan mardon de la monato.

La grupo revigligas la esperantoakticevon per diversaj rimedoj: unu el ili estas la partopreno en la administrado de la Junul-Domo, kies direkcio estas ĉiam favora al ni.

En la bulteno n° 55a de la grupo de Nancy, plejparte redaktita en la Internacia Lingvo, ni rimarkis resumon en franca lingvo "por la novaj lernantoj de niaj kursoj". Jen ideo imitenda.

PARIS - La Federacia Kongreso okazis la 16-an de aprilo en iu salono de la Kafejo Zimmer.

La 21-an de aprilo, dum kunveno de la Pariza Grupo, Sro Rousseau pritraktis la temon "Esperanto kaj Filatelio".

Ekzamenoj estas antaŭviditaj la 10-an de junio en Chabrol.

PONTARLIER - Dank'al S-ro MALLET, Inspektoro de la unuagradaj lernejoj, kiu organizis kunvenon kvindek geinstruistoj aŭskultis prelegon de S-ro TURIN, la 12-an de aprilo en publika salono.

S-ro TURIN parolis pri la lingvo, kaj pri la Esperantistoj. Inter la du partoj de la parolado, kaj je la fino estis projekciitaj lum-bildoj, kaj 8-milimetraj filmoj pri Zamenhof la kastelo Grésillon kaj la U.K. en Budapeŝto.

PUYRAVEAU - La 3-4 de junio, okazos tie la kutima apud-mara kunveno de la ĉarentaj esperantistoj

RUFFEC - Ĉi tie okazos, en majo, la printempa renkontiĝo de la ĉarenta esperantista asocio.

SAINTES - Ekzamenoj pri Atesto pri Lernado kaj Supera Atesto pri Lernado okazos tie ĉi la 21- an de majo 1967. La loko estos la lernejo Michelet, str. St-Eutrope. La kursestroj estas petataj sciigi al la loka grupo kiom da kandidatoj ili prezentos kaj al kiaj ekzamenoj.

Post la ekzamenoj oni povos pikniki surloke.

THANN-GUEBWILLER - La tieaj grupoj jam prizorgas la internacian renkontiĝon, kiu okazos

xmxmxmxmxmxmxmxmxmxmxmxmxmxmxmxmxm

Petu ĉe nia Libro - Servo la liston de malnovaj libroj, aĉeteblaj je tre favora prezo. Aldonu poŝtmarkon por la respondo.

## HENRI PHILIPPE A L'HONNEUR

Nous avons relevé, dans NORD-MATIN du 3 avril l'information suivante:

"C'est avec plaisir que nous apprenions hier dans la journée la manifestation de sympathie dont a été l'objet, dans la plus stricte intimité, M. Henri PHILIPPE, architecte, membre de l'Académie d'Arras et pour l'heure membre éminent de l' Union Fraternelle franco-britannique.

"En présence de tous ses amis de l'U. F. F. B. M. PHILIPPE a reçu, en effet, la croix d'Officier dans l' Ordre de la "British Legion" de s mains de son parrain, M. J.Decobert, au titre des nombreux services rendus aux armées anglaises et françaises pendant la "Grande Guerre".

"Nord - Matin est heureux de se joindre aux personnalités d'Arras qui ont toujours plaisir à rencontrer cet homme d'une grande courtoisie et aussi cet érudit, dont la modestie n'a d'égale que son savoir, pour lui présenter ses bien sincères félicitations".

A notre tour, nous nous permettons de féliciter M. PHILIPPE, qui ajoute aux titres énumérés ci-dessus,celui d'être le Président d'Honneur de l' Union Française pour l'Esperanto.

xooxooxooxooxooxooxooxooxooxooxooxoo

Esperantista societo "La Adriatika Stelo" en PULA (Jugoslavio) aranĝos de la 16a ĝis la 26a de junio 67 en la belega apudmara ripozejo Valbandon (Pula)INTERNACIAN ESPERANTISTAN RENKONTIĜON KAJ SIMPOZION PRI LA TEMO "ESPERANTO kaj TURISMO".

La kompleta, dektaga restado kaj partopreno al ĉiuj aranĝoj kostas 400 dinarojn aŭ egalvaloron.

Sin turni, por pluaj informoj, al "La Adriatika stelo", Pula p.p.26.

J unulara

E sperantista

F ranca

O rganizaĵo

## 23-a INTERNACIA JUNULARA KONGRESO DE T. E. J. O.

(p.k. 380 - Natanja - Israelo)

Loĝejo: apud la marbordo, super la maro, kaj ĉiuj loĝejoj ricevas ĝian panoramon kaj agrablan venton. En la centro de la vilaĝo estas moderna manĝejo, vasta verando, trinkejo kaj dancejo inter verdaj kreskaĵoj, arboj kaj floroj.

Kotizo: inkluzivas loĝadon,manĝadon, ekskursojn, kaj aliajn eventojn de la kongreso.

Membro de TEJO:
malpli ol 20 jaroj.... 400 steloj
pli ol 20 jaroj....... 429 steloj
ne-membro de TEJO....... 458 steloj

Aliĝo kaj pago: La aliĝilojn, bonvolu sendi aerpoŝte al LKK. La kotizon sendu aerpoŝte al Bank Hapoalin, e n Natanja, konto 319759, aŭ al U.F.E.

Okazos oratora konkurso laŭ la jenaj temoj:
1) la okupado de la valuo (?)
2) la batalo kontraŭ malsato kaj analfabetismo;
3) via impreso pri Israelo.

= = = = = = = = = = = = = = = = = = = = =

## ESTONTAJ INSTRUANTOJ PER REKTA METODO

Por vi en PIOT(Bonnat-Creuse) okazos kurso farata de bulgara samideano S.HESAPĈIEV, str.Tintjava I2/Bloko 27- Sofio 13, en la bela medio de la Muelejoj de la Metilernantoj. Por pluaj informoj, sin turni al H.Baker Kastelenstraat 231, AMSTERDAM Z.

S-ro HESAPĈIEV deziras ke iuj estontaj kursgvidantoj en la muelejoj, gastu al li dum liaj tri kursoj (por komencantoj, por progresantoj, por instruistoj) de la 18-a de junio ĝis la 5-a de aŭgusto, en la ripoz-loko Druĵevo, proksime de Sofio. Por pliaj informoj sin turni rekte al li.

oooooooooooooooooooooooooo

## AGRABLAJ KAJ UTILAJ SOMERFERIOJ

Se vi deziras ripozigi vian lacan cerbon el la tuta jara laciĝo, vi povos ferii meze de la naturo en la muelejoj de la Metilemantoj, kaj vi povos ĉu instrui per rekta metodo, ĉu helpi al instruado, ĉu amuzi per muziko, kantoj, laŭ viaj eblecoj aŭ spertoj. Tiu Internacia organizaĵo agnoskis Esperanton, kaj permesas, ke oni instruu ĝin en la muelejoj. Interesatoj sin turnu al Hans Bakker, aŭ al J.E.F.O. 34 rue de Chabrol -Paris

x:x:x:x:x:x:x:x:x:x:x:x:x:x:x

## JEFO-SEMAJNO EN GRESILLON

De la 22-a ĝis la 27-a de marto okazis, en la kastelo Grésillon, la kongresa renkontiĝo de J.E.F.O. Ĝin partoprenis 40 gejunuloj, inter ili italo, nederlandanino, angloj. Laŭdire ĉiuj bone amuziĝis, promenadis, kaj fakte ankaŭ multe laboris.

Ŝajne ne plu estas necesa paroli pri la kastelo mem, juvelo kara al ĉiu esperantisto, kiu jam trapasis momenton en la Kulturdomo. Ĝin oni ĝenerale malkovras kun agrabla surprizo, kaj forlasas kun bedaŭro.

Ni, junuloj, long-tempe memoros pri aparte amika etoso, kiu ebligis al ĉiu plej agrable ĝui la restadon.

Sed kio, fakte, okazis dum nia kongresa renkontiĝo? Ni promenadis tra la urbo kaj sur la kamparo, sur bone gudritaj vojoj, kaj tra koto kaj dornoj...

Ni dancis en la arbaro, ĉirkaŭ la famkonata dolmeno, kaj ni ankaŭ dancis en la kastelo, dum balo.

Tunelon apud Baugé kelkaj esploris, sin helpante per poŝlampoj, kaj preskaŭ ĉiuj partoprenis la tuttagan ekskurson al la Loire-kasteloj.

Iun tagon okazis distra vespero, kiun uzis multaj junuloj por elmontri kun sukceso sian talenton, - ĉu kantante, ĉu ludante, ĉu humore deklamante. Tiel alloga fariĝis tiu vespero, ke sin invitis, sed nur je noktomezo, du fantomoj kiuj promenis laŭ la koridoroj de la kastelo kun timigaj katenbruoj.... kiuj timigis neniun!

Sed ni ne forgesu, ke ni laboris, el diversaj vidpunktoj. Unue ni ĉeestis tre interesan demonstracion de Ĉe-kurso, kiun majstre gvidis J. P. BOULET kaj S-ano STUIT. La ĝenerala kunveno okazis sur la herbejo antaŭ la kastelo. Aprobiĝis la pasinta agado de la estraro, elektiĝis la nova estraro, kaj finfine ni pritraktis multajn problemojn.

La sekvantan vesperon denove kunvenis la membroj de JEFO, long-longtempe, en ĉambrego de la kastelo.

Jen do kio okazis, priskribita en kelkaj linioj, kiuj ne kapablas speguli la etoson mem de la restado Multaj partoprenintoj konservos fidele en sia koro la mildecon de iuj kontaktoj: malnovaj geamikoj denove renkontiĝis, konatiĝis unu kun la aliaj junuloj, kiuj el fremduloj fariĝis sinceraj amikoj...

Nu, ni esperu, ke sukcesos niaj klopodoj por fortigi kaj pligrandigi la membraron de la Junulara Organizaĵo en Francujo, por antaŭenpuŝi la movadon en nia vasta patrujo, n o me la Mondo.

Se ni, la junuloj, sukcesos kunigi niajn fortojn, ni povos esperi fari ĉirkaŭ la tero belan rondon!

Unu el la partoprenintoj

R.K.

## FILATELA KRONIKO

Esperanto-poŝtstampoj: En Pollando, okaze de la Dua Internacia Esperantista Ferio, de la 7-a ĝis la 20a de oktobro 1966, oni uzis triangulan dulingvan stampon.

Kiel ĉiu jaro, estis uzita poŝtstampo en Poznan (Pollando), okaze de la INTERNACIA SEMAJNO DE KORESPONDADO.

Dum la 61-a Sveda Esperanto Kongreso en Norrköping (13-15-V-1967) - oni uzos specialan poŝtstampon. Koverto kun dek glumarkoj estas havebla kontraŭ 3 internaciaj respondkuponoj ĉe: ESPERANTO KLUBO DE NORRKÖPING, Poŝtfako 49 - Norrköping.

### Esperantista Ligo Filatelista

Sekve de la alvoko aperinta en n° 242 de R.F.E.deko da francaj filatelistoj aliĝis al tiu nova internacia asoçio.

Sajnas, ke estus interese, ke tiuj membroj sin konu reciproke, kaj ke ili estu konataj de alilandaj membroj de la asocio. Ni do intencas aperigi ties nomojn kaj adresojn en iu venonta numero, kondiĉe komprenenble, ke ili konsentu pri tio. Estos necese skribi nur en kazo de malakcepto de tiu propono.

### Tago de la Poŝtmarko 1967

En la kadro de la ekspozicio, kiu okazis en Parizo, S-ro ROUSSEAU prezentis, ĉi-jare filatelajn dokumentojn, laŭ la temo "Esperanto kaj Tutaĵoj" (tutaĵo estas dokumento kun presita poŝtmarko).

Ni ŝatus scii, ĉu okaze de tiu manifestacio, aŭ de iu alia, esperantistoj partoprenis. Ni antaŭdan - kas tiujn, kiuj informos nin pri tio.

J.A.R.

## DONACOJ "FONDUSO ESPERANTO DOMO"

| | |
|---|---|
| S-ro LEMAIRE | 100,- |
| Gsroj JELENC | 200,- |
| S-ino B. GARNIER | 100,- |
| S-ro P. MARLY | 100,- |
| S-ro BRIAND (3-a fojo) | 10,- |
| Anonimulino (V) | 100,- |
| S-ro VEILLARD | 50,- |
| S-ro FENEYROL | 35,- |
| S-ro GEROME | 60,- |
| Centre Culturel MARSEILLE | 100,- |
| S-ro BRIAND (4-a fojo) | 10,- |
| Sté Espérantiste LYON | 100,- |
| Gsroj VILLIERS | 20,- |
| Sumo de la 3-a listo | 985,- |
| Antaŭa sumo | 3934,- |
| Nova sumo | 4919,- |

## FONDS "MAINTIEN DUNSIEGE A PARIS"

(9-a listo)

| | |
|---|---|
| S-ro LEGRET | 1,10 |
| S-ro SERRE | 3,50 |
| S-ro LEGRET | 0,60 |
| S-ro CROCHET | 2,50 |
| Pastro GOERGER | 3,00 |
| S-ro BESSIERE | 5,00 |
| Gsroj VILLIERS | 15,50 |
| S-ro BAZIRE | 3,50 |
| S-ro LEGROS | 1,00 |
| S-ro YELLAND | 1,50 |
| S-ro LESOIN | 3,00 |
| F-ino RIHN | 3,00 |
| S-ro JOUIS | 2,50 |
| Frato MARMOU | 25,50 |
| Grupo de BLOIS | 61,88 |
| S-ro LEGRET | 10,00 |
| S-ro KUBLER | 6,00 |
| F-ino BONNEFOUS Y. | 2,00 |

(Niajn dankojn akceptu ĉiuj donacintoj).

MEMBRES DONATEURS: S-roj PLOUSSU - H. PHILIPPE kaj BELIARD

MEMBRES BIENFAITEURS: Sro J.P. GUILLOT.

SOLVOJ DE LA LUDENIGMOJ APERINTAJ EN FRANCA ESPERANTISTO N° 243

OOI- NOMBRA ENIGMO: La Zamenhofaj proverboj estas: "Pli bone estas enviigi ol kompatigi" - "De unu bovo oni du felojn ne detiras".

002- SILABA ENIGMO: La trovendaj vortoj estis: Debato, Devigi, Deziri, Difini, Difuzi, Dinaro, Kaleŝo, Kalifo, Makako, Militi, Mureno,

003- ŜAKENIGMO: La frazo eltirita el mirrakonto de Zamenhof mem estas: "Mi faros al vi donacon, ke, ĉe ĉiu vorto kiun vi diros, el via buŝo eliros aŭ floro aŭ multekosta ŝtono"

mmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmm

BUDAPEST: L'INSTITUT POUR L'INFORMATION TECHNIQUE ET SCIENTIFIQUE, Oktober 6 ut.21 - Budapest - possède un service d'archives des prospectus industriels pour lequel il souhaite recevoir le plus grand nombre possible de documents.



1967 JARO DE LA TURISMO 1967 JARO DE

Ni ricevis antaŭnelonge plurajn turismajn faldfoliojn en esperanto:
DANIO EN 59 BILDOJ (eld. Informadepartemento, Christiansborg, Kopenhago K.)
BOHUSLÄN, suna somer-paradizo (eld. Turisma Trafika Asocio en Bohuslän, Svedujo).
TURKU (Finnlando) (eld. Urba Trafik oficejo, Linnankatu 8 - Turku).
SVISA TRAFIKMUZEO (Lucerno) (eld.- Verkehrshaus der Schweiz, Lidostrasse 5 (6000) Luzern.
SKÖVDE, CENTRO DE SKARABORG (eldon. Fritidsstyrelsen, Skövde-Svedujo).

ooOxxoooxxoooxxoooxxoooxxoooxxoooxxo

Kontraŭ p.m. je 0,60 Fr. vi povas ricevi provekzempleron de PACO, organo de Mondpaca Esperantista Movado aŭ la bultenon de la Vjetnama Pacdefenda Esperantista Asocio, kun katalogo de libroj eldonitaj en Moskvo kaj Hanojo, haveblaj kontraŭ malalta prezo. Turnu vin al S-ro W. GILBERT, 30 rue Croix-Montoire - 37-TOURS St-SYMPHORIEN. (anonco pagita)

xxxxoxxxxoxxxxoxxxxoxxxxoxxxxoxxxxox

OBJEKTIVA VIVKONCEPTO necesigas novajn perspektivojn. La kutimaj kaj ordinaraj konceptoj ne estas sufiĉaj kiel kompleta klarigo. Ni havas uzon ĝuste por novaj konceptoj, kaj novaj perspektivoj. Petu senpagan ilustritan faldprospekton ĉe MARTINUS INSTITUTO, Mariendalsvej 94-96, Kopenhago F. (anonco pagita)

x:x:x:x:x:x:x:x:x:x:x:x:x:x:x:x:x:x:

Jeune bulgare, professeur de français et d'espéranto, serait prêt à guider pendant les vacances d'été un groupe de touristes français, à travers son pays. Ecrire à H. DIMITROV Kristo Botev 2 - KUBRAT (Bulgario).

ESPERANTO ET CULTURE — Oficiala organo de G.E.E.
Redaktas S-ino J. VINCENT, rue des Oiseaux, 27 - LES ANDELYS.
Materialon por « E. et C. » oni sendu antaŭ la 5-a de la monato.

LERNOLIBROJ UZEBLAJ NUNTEMPE.

| Titolo | ESPERANTO Manuel d'Initiation | ESPERANTO Manuel d'Etude | ESPERANTO Manuel de lerfectionnement | Lexique de Poche Esperanto-Français | ESPERANTO Facila por Vi |
|---|---|---|---|---|---|
| Aùtoro | B.THAILLET | J.COUTEAUX | J.COUTEAUX | R. LEGER | C.WALTER |
| Eldonejo | Librairie-Edit. NOVA 68-Mulhouse | same | same | same | same |
| Prezo | 1,80 F | 5,oo F | 4,20 F | 6,oo F | 6,30 F |
| Formato | 11,5x17,5 | same | same | same | 15 x 21 |
| Nombro da Lecionoj | 6 | 18 | 21 | | |
| Metodo | gramatika | same | same | | rekta/ilustr. |
| Aĝo de la lernantoj | junuloj kaj adoltoj | same | same | same | same |

Ĉiuj tiuj libroj estas mendeblaj ĉe U.F.E. - Libro - Servo: C.C.P. PARIS 855-35

xxooxxooxxooxxooxxooxxooxxooxxooxxooxxooxxooxxooxxooxxooxxooxxooxxooxxooxxooxx

## 1859 - L. L. ZAMENHOF - 1917

Antaù 50 jaroj, la 14an de aprilo 1917, mortis L. L. ZAMENHOF, iniciatinto de la Internacia Lingvo.

La ideoj kaj idealoj de Zamenhof estas retroveblaj en la ĉefaj celoj kaj agadoj de la Esperanto - Movado. Ne nur en la konkreta disvastigo de Esperanto, ĉar la metodoj kaj principoj ellaboritaj de li restas ankaù nun plejparte validaj, sed ankaù en la tasko de plifaciligo de ĉiuspecaj rilatoj inter la homoj "sen diferenco pri nacieco, raso, religio, politiko aù lingvo". Jiu ne trovas en tiuj vortoj eĥojn de konstaj tezoj zamenhofaj? Ni citu nur kelkajn kernajn frazojn:

"Ĉiuj popoloj estas égalaj".

"La cerboj kaj la koroj de la homoj el ĉiuj gentoj estas laù sia naturo estas egalaj".

"Ĉiu regnano havas plenan rajton uzi tiun lingvon aù dialekton, kiun li volas, kaj konfesi tiun religion, kiun li volas".

ZAMENHOF skribis:"Mi ne volas esti kreinto de l'lingvo, mi volas nur esti iniciatoro". Sed, ne sufiĉis iniciati; necesis sinoferа laborkapablo, senfinaj toleremo kaj malegoismo en la homaj rilatoj, per kiuj hodiaù vivas la Lingvo Internacia.

Tial ni memoras lin.

(mallongigo laù ESPERANTO N°737/4)

## PRI ANDORO (sekvo kaj fino)

(En la antaŭa numero de F.E. neklarigebla eraro malaperigis la finon de la artikolo pri ANDORO. Niaj legantoj bonvolu pardoni nin kaj trovi ĉi-malsupre la finon de tiu ekrigardo al Andoro)

En tiu esence montara landeto - kulturado okazas ĉiufoje kiam kelkaj kvadrataj metroj tion ebligas. Aliparte, la Andoranoj bredas multajn bestojn: ĉevalojn, bovinojn, kortbirdojn ktp. Ankaŭ industrio ludas nesubtakseblan rolon: tabako, cigaroj, cigaredoj, tute sen ia monopolo estas disponeblaj, je tre malaltaj prezoj; likvoroj, precipe anizaj estas fabrikataj en San Julia de Loria lasta paroĥo antaŭ Hispanujo. Sed la plej granda komerca fako konsistas el vintraj sportoj kaj turismo; tiel alloga estas Andoro, ke ĉiujare pluraj dekmiloj da ĉiulandaj vizitantoj alveturas tien por ripozi en grandioza kadro, trankviliga etoso kaj artoplena pejzaĝo, por kies beleco la naturo kaj la homoj man-en-mane laboris.

Oni ofte prave aŭdas plendojn k protestojn kontraŭ la aŭdaca entrudiĝo de senpoezia civilizacio. Ĉu oni rajtas konfesi, ke ankaŭ en Andoro, tia tromoderna kaj anonima civilizacio komencis aperi kaj difekti la tutaĵon? Sed, tamen, restas la montara kadro, la pura andora vivmaniero, la neforigebla arto, trovebla en la plej eta domgrupo! Ho jes, nur pro tio Andoro restas kaj longe restos unu el la plej vizitindaj kaj allogaj anguloj el Eŭropo, kie vivo ankoraŭ estas agrabla kaj plena je poezio.

A. RIBOT

La fotoj sur F.E. n°243 estas pro praĵo de S-ro Valenti Claverol, en Andoro la Malnova. Ĉe nia pariza sidejo, vi povos ricevi multilustritan libron: "La Kunprinclando Andoro, la lasta feŭda ŝtato" (afrankita prezo: 8,50 Fr. CCP UFE PARIS 855.35). Dank' al ĝia tralegado, vi scios ĉion pri Andoro, kaj certe viavice, vi deziros viziti ĝin.

## SCIENCAJ RESUMOJ EN ESPERANTO

Ankoraŭ unu faka revuo "DER CHEMISCHREINIGER UND FÄRBER", revuo pri sekpurigo kaj tinkturado eldonata en Munkeno, enkondukis resumojn en la internacia lingvo Esperanto por ĉiuj siaj artikoloj. Enketo farita en '65 montris, ke minimume 86 sciencaj kaj fakaj periodaĵoj publikigis artikolojn aŭ resumojn en Esperanto en la periodo 1950 - 1965.

mnmnmnmnmnmnmnmnmnmnmnmnmnmnmnmnmnmn

Aŭstrianino 18j.studentino pri franca lingvo, deziras ferii en Francujo por perfektigi sin en la lingvo. Si serĉas lokon en franca familio (esperantista aŭ ne), eventuale helpus en la mastrumado aŭ prizorgado de infanoj. La kostojn pagus la gepatroj; eventuale, ankaŭ kompensus per akcepto de franca junul(in)o en Aŭstrio. Skribu al la patro: W. JANDY - per adreso de S-ino RIESS, Hernakser Hauptstrasse 209/8 (1170) VIENO.

ooooooooooooooooooooooooooooooooooo

### KORESPONDPETOJ

Paŭl STRAACH, Siedlstrasse 33 X.9804 NETZSCHKAU (D.D.R.) deziras korespondi k.interŝanĝi p.m. memorindajn, k.b.k. kun vidindaĵoj, pentraĵoj.
Eva PEŜKOVA, Bezručova 1,ZABREH(ĈSR) 28-jara instruistino, deziras korespondi kun franc(in)o kaj interŝanĝi: bildkartojn kaj gramofondiskojn.

xoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxo

## GEONKLOJ ESPERANTISTAJ

Ni ricevis de S-ro SULLIVAN (Del. de U.E.A.) 3 Berwick avenue, URMSTON (Manchester) Anglujo la ĉi suban leteron:

"Mi estus ege danka se vi bonvolus helpi nian organizon, alvokante la samideanojn, kiuj volas servi la infanojn de nia movado, proponi sin kiel Onklojn aŭ Onklinojn Esperantistajn, ĉar estas grava manko de geonkloj, aparte en la okcidentaj landoj, kaj aparte por korespondi kun geknaboj en Pollando kaj Hungarujo.

La devoj de la geonkloj estas korespondi kun la koncerna infano, amikiĝi kun li/ŝi, kaj teni la intereson pri Esperanto.

Kompreneble, tiuj geonkloj estas plej utilaj al ni, kiuj estas pretaj akcepti infanojn el iu ajn lando, sed ni bonvenigas ankaŭ tiujn, kiuj havas apartajn dezirojn pri landoj, kaj ni faras nian eblon kontentigi ilin.

Se ili estas pretaj, akcepti pli ol unu infanon, ili tion diru.

Plej kore ni antaŭdankas kaj salutas ilin".

xoooxoooxoooxoooxoooxoooxoooxoooxooo

## KRONIKO

EBLE, vi demandas vin kiamaniere, mi pritraktos tiun temon "La Haroj" Ĉu mi parolos pri la haroj, kiujn ve! oni tro ofte trovas en la supo de la vivado? Ĉu mi parolos pri la haroj de Moŝtino Fortuno, montrante al vi la rimedon por ŝin kapti per la hararo? Ĉu mi parolos pri la tri haroj de "Cadet Roussel"? Ĉu mi parolos pri la sola haro kiun oni povas kalkuli sur la kapo de Mateo?

Nu! mi tuj parolos pri la haroj, kiujn portas la homoj, pri propraj kaj pri kiuj apartenas al ili n u r pro aĉeta rajto.

KELKAJN frazojn mi parolos pri historio de la kaparanĝo por viroj kaj virinoj.

Eĉ miloj da jaroj antaŭ Kristo oni lukse aranĝis la harojn de praulo j, kiujn ili portis longaj. Oni ne nur parfumis ilin, sed oni ilin apartigis je multaj meĉoj, spirale volvitaj, kies pintojn oni tre zorge bukligis, kaj oni enplektis fadenojn el oro, kaj pudrumis la tuton per ora pudro.

Tiaj kaparanĝoj (kiel tiu de reĝo SARGON, kiun oni ĉiam vidas kun bela barbo, kaj kies buston oni vidas en la muzeo Louvre), estis tre malsimplaj, kaj oni vane postulus de iu lerta kombisto nuntempa starigon de tia aranĝo.

Male en antikva Grekujo, kaj Roma Imperio, la kutimo estis sin razi kaj porti mallongajn harojn. Nur la patriarkoj ne alprenis tiun kutimon.

(daŭrigota en n°246)

# SERVICE DE LIBRAIRIE

## ETUDE & ENSEIGNEMENT

| | |
|---|---|
| Espéranto-Manuel............. | 8,00 |
| Esperanto, fil d'Ariane....... | 14,00 |
| Fundamento (p. de Albault).... | 13,50 |
| Lingvo kaj Vivo.....(bindita). | 20,00 |
| Lingvaj Respondoj (Zamenhof).. | 7,50 |
| Ludoviko en Nederlando........ | 16,00 |
| Ni parolu en Esperanto........ | 4,80 |
| Plena Gramatiko (vol.I)....... | 12,00 |

## DICTIONNAIRES

| | |
|---|---|
| Léger - Albault (F + E)....... | 20,50 |
| Waringhien (E + F)............ | 33,00 |
| Lexique Léger (E + F)......... | 6,00 |
| Naùlingva Leksikono (Bastien). | 10,00 |
| Plena Vortaro de Esperanto.... | 20,00 |
| Vocabulaire de poche (Bastien) | 3,30 |

## HISTOIRE DU MOUVEMENT

| | |
|---|---|
| Le Docteur Espéranto.......... | 6,50 |
| La Esperanto-Movado........... | 3,00 |
| La Internacia Lingvo.......... | 8,50 |
| Leteroj de Zamenhof (2 vol.).. | 28,00 |
| Originala Verkaro............. | 20,00 |
| Historio de la Lingvo Esp°.... | 9,50 |
| Vivo de Zamenhof (Privat)..... | 4,50 |
| Zamenhof (M.Boulton).......... | 19,00 |

## LITTERATURE

| | |
|---|---|
| Angla Antologio............... | 14,00 |
| Akbar (Brouwer)............... | 5,50 |
| Aventuroj de Marteno Drake.... | 4,50 |
| Bildlibro pri Bestoj.......... | 11,50 |
| Dana Antologio................ | 16,50 |
| Eroj (M. Boulton)............. | 12,50 |
| Esperanta Antologio (Poemoj).. | 21,50 |
| Fabeloj de Andersen........... | 15,00 |
| Fabiola..........(broŝurita). | 7,50 |
| Ĝoja Podio (Schwartz)......... | 6,00 |
| Héros existentialistes........ | 3,00 |
| Invito al ĉielo............... | 4,50 |
| Kiel akvo de l'rivero (bind.). | 19,00 |
| La Marvirineto................ | 10,50 |
| Malsata ŝtono (R. Tagore)..... | 16,00 |
| La Naùzo (Sartre/Bernard)..... | 20,00 |
| Normandaj Rakontoj............ | 17,00 |
| La Dia Komedio................ | 60,00 |
| Peer Gynt (Ibsen)............. | 11,20 |
| Reĝo Edipo, Antigono.......... | 10,00 |
| Le Revizoro (Gogol)........... | 4,50 |
| Sonĝe sub Pomarbo (Baghy).... | 10,00 |
| Taglibro de Anne Frank........ | 11,50 |
| Topaze - ŝipego "Tenacity"... | 10,00 |
| Tartarin de Taraskono......... | 7,00 |
| Virineto en Bluo.............. | 3,30 |
| Vitralo (J. Francis).......... | 6,00 |

## RELIGION & PHILOSOPHIE

| | |
|---|---|
| Tio, kion mi kredas (Rostand) | 3,00 |
| Maksimoj (La Rochefoucauld).. | 2,00 |
| La Nova Testamento............ | 3,50 |
| La Sankta Biblio.............. | 12,00 |
| La Vivo de N.S.Jesuo (Dickens | 5,00 |

## GEOGRAPHIE et VOYAGES

| | |
|---|---|
| Aùstralio lando k. popolo.... | 3,50 |
| De Parizo al Lazura Marbordo. | 1,80 |
| Ekspedicio Kon-Tiki........... | 18,50 |
| Kanako el Kananam............. | 11,00 |
| La bela subtera Mondo......... | 10,00 |
| Nepalo malfermas la pordon... | 15,00 |
| Pariza gvidlibro ilustrita... | 3,00 |
| Ŝipestro rakontas............. | 8,50 |
| Tempesto super Akonkagvo..... | 11,00 |

## ARTS SCIENCES TECHNIQUES

| | |
|---|---|
| Atakoj kontraù ĝardenplantoj. | 15,50 |
| Amuzo per Scienco............ | 6,00 |
| Retoriko............(Lapenna | 16,50 |
| Sekretoj de la Marestaĵoj.... | 7,50 |
| Vivo de la Plantoj........... | 11,50 |

## DISQUES

| | |
|---|---|
| Cours complet (6 disques plus (7 livrets..... | 84,00 |

Frais d'expédition et de poste: 20% jusqu'à 10 F. - 15% jusqu'à 20F. et 10% au-dessus. Les ordres sont à adresser avec les fonds à UFE: 34, rue de Chabrol - Paris (10ème)

C.C.P.PARIS 855-35

S.I.T.E.C. Imprimeur 188 Fbg St-Denis PARIS 10 Le Gérant: A. BOURDEAUX